1ª Jaro — Nº 1 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 4 Januaro 1931

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

La katolikoj estas fratoj; ili ja apartenas al unu sola familio, kies Patro estas Dio mem kaj Patrino estas la sanktega Virgulino Mario.

La katolikoj estas kunbatalantoj; ili ja apartenas al unu sola armeo, kies ĉefestro estas la Papo.

Jen du motivoj sufiĉe gravaj, por ke ili intime kunlaboradu al la unika celo de Katolikismo, t. e. al starigo de la Diregno.

Kaj nuntempe pli kaj pli efektive grupiĝas la katolikoj por kunlaborado nacia kaj internacia. Regno dividita pereos, diris la Majstro. Kaj unueco havigas forton, diras la saĝulo. Ĉie oni aŭdas pri grupigo de la katolikoj, precipe en la t. n. Katolika Agado. Ĉie oni postulas la kunlaboradon de ĉiuj por la granda verko.

Se facila estas la laŭnacia grupigo de la katolikaj fortoj cele al unu aŭ alia speciala agado, malgraŭ egoismo kaj ambicio de multaj, malfacila kontraŭe estas la internacia grupigo kaj sekve la pli kaj pli dezirinda kunlaborado de la katolikoj.

Ekzistas ja tiel multnombraj kaj grandaj malhelpaĵoj!

Nuntempa herezo: naciismo certe estas granda baro al la frata kunlaborado de ĉiunaciaj katolikoj. Ŝovinismo semis kaj kulturas ja tiel multe da antaŭjuĝoj, tiel multe da miskomprenoj, tiel multe da antipatioj de unu popolo al alia!

Kaj malgraŭ la karitato de Kristo, kiu brulas en ĉiuj koroj de Liaj veraj disĉiploj, kaj malgraŭ la vivhava pano, kiu nutras la animojn de ĉiuj Kristanoj, la katolikoj ofte kondutas unu al alia malamike.

Kiel do remeti amon meze de la tuta katolikaro, kiu estas tiel profunde apartigita per la naciaj limoj?

Amo postulas konon. Kaj kono postulas komprenon. Sed kiamaniere kompreni unu la alian, se estas parolataj diversaj lingvoj? Neniel. Ni ja opinias, ke la ĉefa baro al la internacia kunlaborado de la katolikoj ne estas — kiel ĝis nun dirite — ŝovinismo, sed la diverseco kaj multeco de lingvoj. Lingva baro estas la nepre detruota baro. Kaj tuj malaperos la malbonaj efektoj de ŝovinismo: antaŭjuĝoj konsumiĝos kiel neĝo antaŭ la suno; miskomprenoj ne plu estos, ĉar ĉiu vorto estos samsignifa; antipatio ne plu ebla estos, ĉar unu povos intime koni la alian.

La katolika familio, kiu ampleksas en sia sino ĉiujn homojn, bezonas unu lingvon.

Certe diros kelkaj, kaj tiu lingvo

## NIA CELO

## La Internacia Kunlaborado de la Katolikoj

jam ekzistas: ĝi estas la latina lingvo.

Ne, ni respondos. La okazintaĵoj montras, ke tiu lingvo ne konvenas por ludi tiun rolon de familia lingvo por la katolikoj. Ĝi estas je la dispono de ili, jam de longe, kaj ĝi tute ne estas uzata cele al la internacia kunlaborado de la katolikoj. Ni tute ne volas diskuti ĉi tie la kialon de tiu nekapableco de la latina lingvo en internaciaj rilatoj. Ĉar nia agado ne devas esti teoria, ĝi estos nur praktika. Kaj per faroj ni volas montri la verecon de tio, kion ni tuj klarigos.

Se la latina lingvo estas tute formortinta kaj se ĝi verŝajne neniam reviviĝos malgraŭ la klopodoj de kelkaj amikoj ĝiaj por redoni al ĝi vivkapablon, ekzistas alia lingvo, kiu pli kaj pli efike sin montras kiel vere kapabla ludi rolon de internacia lingvo kaj tiu estas la helplingvo « Esperanto », elpensita jam antaŭ kvardek jaroj de D-ro L. L. Zamenhof.

Ni ne volas ankaŭ ĉi tie diskuti pri la kvalitoj de tiu internacia lingvo. Ni volas nur, ke ĝi montru per la praktiko en tiu gazeto siajn kapablojn, por fariĝi la internacia lingvo de la katolika kunlaborado internacia.

Kaj tio ne estas utopio! La malamikoj de la Eklezio [illegible] jaroj uzas, kaj eĉ misuzas tiun lingvon por siaj de ĉiuj sciataj celoj. Kial do la katolikoj siavice ne uzos finfine tiun mirindan komprenilon por sia nepra kunlaborado internacia? Nur pro antaŭjuĝoj kontraŭ la elpensitaĵo de Zamenhof: Estas lingvo uzata de framasonoj; estas lingvo de komunistoj, de anarĥiistoj... Jes ja, ili ĉiumaniere uzas ĝin. Kaj kion signifas tio? Ĉu ili ne ankaŭ uzas viajn proprajn naci-lingvojn, ĉu ankaŭ ili ne utilas la presarton, ĉiujn rimedojn de la moderna trafiko? Ĉu do la katolikoj devas forlasi al siaj malamikoj la monopolon de ĉio en la mondo? Ne! Tute ne! Kial do la katolikoj forlasos la monopolon de la internacia lingvo al siaj malamikoj? Tiu forlaso estus tiel stulta kiel la alia!

Nia celo, eldonante tiun gazeton, estas do, meti praktike la internacian lingvon « Esperanto » je la servo de la internacia agado de la katolikoj. *Katolika Vivo* estos baldaŭ frata ligilo inter ĉiuj katolikoj [illegible] informojn pri ĉio katolika sur la tero; ĝi konigos la katolikojn de unu lando al tiuj de alia nacio kaj montros ke ĉiuj batalas por la efektivigo de sama idealo. Ĝi kontraŭbatalos la antaŭjuĝojn; ĝi alportos interkomprenon; ĝi naskos simpation, amon inter la diversnaciaj katolikoj; ĝi kreos veran kaj utilan kunlaboradon inter ĉiuj.

GEORGES RAMBOUX, presbitero,
direktoro de *Katolika Vivo*.



Antaŭ ol la dekdu frapoj de noktmezo anoncas ĝian formalaperon, la malnova jaro 1930 transdonas al la nova 1931 la plej bonan talismanon: la krucon kiu spite de ĉio staras, dum ĉio en la mondo ŝanceliĝas.

## ĈIEAJ EĤOJ

■ Kardinalo Pacelli, ŝtata sekretario, sendis je la nomo de Lia Papa Moŝto al la episkopo de Vannes (Francujo), sumon de 50.000 fr. fk. por la familioj de la Bretonaj fiŝkaptistoj, viktimoj de marventego.

■ En Warszawa (Pollando) estas konstruata grandega domo por multaj katolikaj organizaĵoj, ekzemple: Landa Centroficejo kaj Ĝenerala Sekretariejo de la Katolika Agado, Katolika Presagentejo (KAP) kaj multaj eparĥiaj institucioj. La konstruaĵo kostas 3 milionojn da zloty (ĉirkaŭ 9 milionojn da francaj frankoj).

■ La estintaj lernintoj de la Hispana Kolegio en Romo kaj la Hispana episkoparo kune kun kelkaj membroj de la aristokrataro decidis starigi oniksan sarkofagon sur la tombo de Kardinalo Merry del Val, kiu estas en la Vatikanaj Grotoj. Kardinalo Merry del Val, origine Hispana, estis dum dek jaroj ŝtata sekretario de Papo Pio X-a; li mortis la 26 februaro 1930. Tial li estis entombigita en la Vatikanaj Grotoj, apud Pio X-a mem. Verŝajne la inaŭguro de la funebra monumento okazos Paskon 1931.

■ La fama fortepianisto kaj profesoro de l'konservatorio en Baltimore, S-ro M. K. Oswald, decidis eniri la Societon de Jesuo. Lia edzino, kiu instruis en la sama konservatorio, turnis sin al la eklezia estraro kun peto akcepti ŝin en karmelitan monaĥinejon. M. A. Oswald estas filo de fama brazila komponisto.

# Post la Balotoj en Pollando



LA NOVA PALACO DE LA POLA PARLAMENTO EN WARSZAWA

En la medaliono : S-ro Switalski, eks-ĉefministro, prezidanto.

### Kiu venkis ?

La balotoj en Pollando, okazintaj dum novembro 1930, donis al la registara partio B. B. W. R. (Bezpartyjny Blok Współprocy z Rzadem : Senpartia Bloko de Kunlaboro kun la Registaro ; oni nomis ĝin ankaŭ Sanacja : Sanacio) la absolutan plimulton da mandatoj kaj en la Sejmo (249 mandatojn el 444) kaj en la Senato (72 mandatojn el 111). Sekve la registara partio fariĝis estro de la situacio kaj ekposedis plimulton necesan por decidi en gravaj politikaj problemoj. El la opoziciaj partioj tre fortiĝis la t. n. Nacia Demokratio (Narodowa Demokracja), kiu ricevis 64 mandatojn (antaŭe 37) kaj estas laŭnombre la plej forta partio post la partio registara. Bazo por ĝi estas la centraj landoj de Polujo, tiuj de okcidenta kaj meza Polujo, precipe Pomorze, Poznán kaj la regiono de Lomza.

### Granda malvenko de la maldekstraj partioj

[illegible] maldekstraj partioj, unuigitaj en la t. n. Centrolew-bloko, kiuj ricevis 77 mandatojn (antaŭe 161). Plej granda malvenko atingis la socialistojn (P. P. S. : Polska Partja Socjalistyczna), kiuj ricevis el la 77 mandatoj 23 (antaŭe 63). Ĝojiga fakto, ke en la okcidenta kaj centra Polujo la loĝantaro preskaŭ tute deturniĝis el siaj radikalaj gvidantoj. Ne forgesis ja la loĝantaro la arogantajn kontraŭekleziajn proponojn, kiujn faris la socialista radikularo en la antaŭa Sejmo, postulante rompigon de la Konkordato, neniigon de la porekleziaj impostoj, ŝanĝon de la edzecokodo, komunigon de la tombejoj, konstruon de krematorioj, ktp.

### Malapero de naciaj malplimultoj

Plej multe da mandatoj perdis dum la lastaj balotoj la naciaj malplimultoj. La Germanoj, kiuj okupadis en la antaŭa Sejmo 19 lokojn, ricevis ĉi foje nur 5. En Pomorze (Pomeranio) la Germanoj ricevis neniun mandaton (antaŭe 3) ; per ĉi tio denove montriĝis la 100 % pola karaktero de tiu pola landparto, pri kiu la germanaj politikistoj tiom multe kriis kvavaŭ pri iu germana lando, nomante ĝin « koridoro ». La plej bonan respondon donis al ili Pomorze per la lastaj balotoj. Ankaŭ en Silezio perdis la Germanoj 3 mandatojn, kaj en la vojevodlando de Poznán 2 mandatojn. La mandatoj de la judoj malpliiĝis ĝis 7 (antaŭe 13), tiuj de la Rutenoj ĝis 21 (antaŭe 13).

### La vizaĝo de la nova Sejmo kaj Senato Projekto pri ŝanĝo de la Konstitucio

La regado de la registara partio B.B.W.R. estas leĝe garantiita por 5 jaroj. Marŝalo Pilsudski, la efektiva estro de tiu partio, atingis per la lastaj balotoj ĉion kion li atingi volis kaj oni atingi povis. De li dependas nun tute la armeaj kaj ekzekutivaj aŭtoritatoj, grandega estas lia influo en la tribuno kaj leĝdonantaj aŭtoritatoj. La parlamentan plimulton, kiun li ĝis nun bezonis, li ankaŭ atingis kaj fariĝis preskaŭ 100 %-a regnestro de Polujo. Sed tiom ampleksa estreco ŝarĝas lin ankaŭ per despli multaj devoj kaj respondeco antaŭ Dio, Nacio kaj Historio. Kaj la historiaj spertoj montras, ke ne sufiĉas la nura kapableco teni la regnestrecon, sed nepre necesa estas ankaŭ la kapableco estri saĝe kaj juste...

El la katolika vidpunkto, la ĝisnuna agado de la registara partio B. B. W. R. ne donas sufiĉajn garantiojn al la katolika Eklezio. Okazis ja, ke tiu ĉi partio voĉdonadis kontraŭ la vidpunkto de la religio kaj Ekezio. Eĉ okazis kelkafoje, ke la registara partio dividiĝis je du diversaj partoj, kiuj voĉdonadis reciproke unu kontraŭ la alia.

Depost la lastaj balotoj tiu afero espereble pliboniĝos pro tio, ĉar la multaj katolikaj riprezentantoj, kiuj eniris la registaran partion, sukcesos eble vanigi ĉiajn similajn klopodojn flanke de la radikaluloj kaj socialistoj celantaj malheligi la atmosferon de la katolika vivo en Polujo. Kaj pro la granda malvenko de la maldekstraj partioj oni povas esperi, ke la nuna politika agado en Polujo estos tre moderigita. Ĉi tiu demando estas despli grava, ĉar la ĉefa punkto en la nova politika periodo estos organisma problemo, ŝanĝo de la Konstitucio. Oni intencas antaŭ ĉio bazi la agadon de la ĉefaj ŝtataŭtoritatoj : Prezidanto, Registaro kaj Sejmo, sur novaj principoj de kunlaboro kaj divido de la funkcioj.

Sed, en la konstitucia problemo estos an[illegible] el la katolika vidpunkto devas resti konservitaj. La atako estos direktata precipe kontraŭ la religia karaktero de la Pola Konstitucio. Jam kelke da semajnoj antaŭ la balotoj komuniko de protestantoj en Polujo ekatakis unu el la artikoloj de l' Konstitucio, laŭ kiu la ĵurformulo de l' Prezidanto de la Pola Respubliko konformiĝas kun la katolikaj postuloj kaj laŭ kiu la Prezidanto ĵuras en preĝejo. Laŭ la protestanta komuniko, tiu ĉi artikolo estas kontraŭa al la aferoj de alikredanoj en Polujo, kiuj neniam povas esperi, ke ilies riprezentanto fariĝos Prezidanto de Polujo.

La aŭtoroj de tiu komuniko certe ne konsideras la fakton, ke la plimulto de la pola loĝantaro estas katolika ; ke sekve por la katolika Polujo estas natura garantio, ke la reganto apartenu al la sama konfesio kiel la plimulto de la loĝantaro. Tamen, la faratan atakon oni ne povas malatenti. Oni devas memori, ke certaj faktoroj jam sukcesis « reformi » la tribunalan ĵuron en spirito de interkonfesiaj postulatoj. Oni ankaŭ ne forgesis, kiom da polemikoj okazis siatempe pri tiu artikolo de la Konstitucio, laŭ kiu la katolika Eklezio estas la unua inter la egalrajtaj konfesioj. Furioze atakata estis ankaŭ la rajto eduki la infanojn en la gepatra kredo. Se la atako estus tiam sukcesinta, la pola junularo estus edukata sendie, samkiel okazis en Sovetrusujo aŭ en la najbara Ĉeĥoslovakujo.

La Pola Konstitucio enhavas aron da principoj, kiuj el la katolika vidpunkto devos esti nepre konservitaj. Devas ilin defendi la dekstraj partioj, antaŭ ĉio la registara partio B. B. W. R., kiu havas preskaŭ la kvalifikan plimulton (precipe en la Senato) necesan por ŝanĝi la Konstitucion. Sed grava manko de la registara partio estas ĝia neunueca konsisto. Troviĝas ja en ĝi riprezentantoj de diversaj politikaj pensoj, de la moderigita radikalismo ĝis konservatismo, riprezentantoj de diversaj konfesioj kaj naciecoj. Apartenas al ĝi i. a, la protestanta Senatano L. Evert, unu el tiuj kiuj estas jam depost longe atakantaj la konfesan ĵurformulon de la Prezidanto. Krome, oni vidas en la registara partio ankaŭ riprezentantojn de la liberala inteligentularo, precipe tiujn el la unuiĝo Z. N. S. P. (Unuiĝo de Popollernejaj Instruistoj), kies gvidantoj alcelas la sendian edukadon de la pola junularo.

Pro tiu grava manko en ĝia politika konsisto, la registara partio devos serĉi por si aliancanojn en la opoziciaj dekstraj partioj, precipe en la tre fortigita Nacia Demokratio (Narodowa Demokracja), kiu ja posedas nun 64 mandatojn. La aliaj dekstraj partioj, kiuj pro sia opozicio aliĝis dum la balotoj al la maldekstra Centrolew-bloko, estas la Kristana Demokratio (Chrzescijanska Demokracja) kun 14 mandatoj, Piast kun 15 mandatoj kaj Nacia Laborista Partio (Narodowa Partja Robotnicza) kun 8 mandatoj. Oni povas esperi, ke en konvena momento ĉi tiuj opoziciaj partioj forlasos sian opozician postenon kaj konsentos kunlabori kun la registara partio B. B. W. R. en la ŝanĝo de la Konstitucio, por kune defendi la religiajn fundamentojn de la Pola Konstitucio kaj venki en la batalo kontraŭ la antireligiaj tendencoj de la maldekstraj partioj.

La pollanda katolikaro, kiu jam tiom ofte montris sian grandan atentecon en similaj danĝeraj atakoj, kiu al la atakoj de la maldekstraj partioj kontraŭ la edzeca Sakramento respondis per miloj da protestaj subskriboj, — ĝi estos atente observanta ĉiajn farojn en la reformo de la Konstitucio.

ANTONI TROSZYNSKI.

# Kulturbatalo en Jugoslavujo

*La Pola Katolika Presagentejo KAP skribas jenon :*

En Jugoslavujo furiozas akra kulturbatalo, okazigata pere de ĉiuj rimedoj kontraŭ la katolika Eklezio. La eksterlando scias pri tio malmulte, ĉar la cenzuro, kiu konfiskas eĉ privatajn leterojn, neniigas ĉiajn sciigojn destinitajn por la aliaj landoj. Kiel ĉie, tiel ankaŭ en Jugoslavujo la tereno de la batalo estas la lernejo. Sekvante la francan ekzemplon, la jugoslava registaro alcelas neŭtralan lernejon, ŝtat-lernejon malamikan al la religio. La « pliboniĝita » lernejleĝo de julio 1930 tute dependigis la akceptadon de instruistoj al la katolikaj lernejoj de l' bona volo de la ministeriaj aŭtoritatoj. Al katolikaj vilaĝoj oni sendas ortodoksajn serbajn instruistojn, kaj la katolikajn instruistojn oni lokigas en distriktojn ortodoksajn. Inspektoroj estas en katolikaj privatlernejoj preskaŭ senescepte ortodoksaj Serboj. Senfine oni povus citadi la ĉikanojn kontraŭ la katolikaj lernejaro.

La katolika gazetaro estas cenzurata plej detale kaj ne rajtas sin defendi kontraŭ la atakoj flanke de aliaj gazetoj kontraŭ la katolika Eklezio kaj la Papo.

La kulturbatalo estas aranĝata de la serba framasonaro. La prezidanto de la ministroj, Zivković, estas framasono de plialta rango.

ANTONI TROSZYNSKI.

---

■ En Chicago loĝas, laŭ lasta statistiko, 636.000 Poloj. La polaj infanoj estas instruataj en 56 parohaj lernejoj kaj 3 lernejoj superaj.

■ Kardinalo Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, iris Romon por preni posedon de sia titolpreĝejo Sankta-Balbino. La ceremonio solene okazis, dimanĉon 7 decembro. La Papo trifoje akceptis en aŭdienco la ĉefepiskopon de Parizo kaj parolis kun li pri la organizo de la Katolika Agado en Francujo.

■ La strikuloj bruligis en Gijón (Hispanujo), la 15 decembro, la preĝejon de la Plejsankta-Koro de Jesuo. La restaĵo estas tute ruinigita.

■ En Ziguincher, la ĉefa urbo de Senegalio, estis jus malfermita katolika lernejo por knaboj. Ĝia kvar klasoj enkalkulas 160 lernantojn, kaj tuj post kiam estos sufiĉe da instruistoj oni povos ricevi 300 knabojn. Tiuj ciferoj montras kiom necesa estis tiu institucio en tiu lando. Knaboj venas eĉ el la Portugala Gvineo. La Patroj de la Sankta-Spirito, kiuj gvidas tiun lernejon, esperas tiamaniere disvastigi la kristanan idealon.

■ Oni festis la centjaron de sankta Aŭgusteno ankaŭ en Japanujo. Lasttempe en la vikariejo de Sapporo, kiu kalkulas 1.967 katolikojn el 2.600.000 loĝantoj, okazis paroladojn faritajn de profesoroj universitataj ; ilin ĉeestis multaj personoj, ne nur katolikaj sed ankaŭ paganaj. La radio-posteno de Sapporo dissendis paroladon de Profesoro Ugolin Noll, Jezuito, el la Universitato de Tokio, pri sankta Aŭgusteno kaj lia patrino sankta Moniko.

■ De post Kristnasko 1930, en la Vatikana Urbo estas eldonata dusemajna gazeto *L'Illustrazione Vaticana.*

# INTERNACIA PREĜSEMAJNO

(18-25 Januaro)

« *Unum Ovile et unus Pastor* : Unu Ŝafejo kaj unu Paŝtisto. » Jen la devizo, kiu direktas la agadon internacian de la katolikaj unuiĝemuloj.

Tial ni plenkonfide petas vian atenton pri la Internacia Preĝsemajno, kiu daŭros de la 18 januaro (festo de la Seĝo de Petro) ĝis la 25 de tiu monato (festo de la Konverto de Paŭlo).

La celo de ĉi-tiu preĝagado estas : petpreĝi Dion por la Unueco de la Eklezio.

La ideo mem venis de la anglikana pastro J. Paul Francis (1908). Nelonge post la reveno de ĉi-tiu pastro al la Katolika Eklezio (1909), la Preĝsemajno akiris la aprobon kaj la benon de Papo Pio X-a.

Per aparta brevo Papo Benedikto XV-a donis en 1916 al ĉiuj partoprenantoj plenan indulgencon, kiun oni povas ricevi sub la ordinaraj kondiĉoj, preĝante la jenan preskribitan preĝon :

*Antifono* (Johano 17, 21) : Por ke ĉiuj estu unu, same kiel Vi, Patro, en Mi kaj Mi en Vi, ke ankaŭ ili estu unu en Ni, per kio la mondo kredu, ke Vi sendis Min,

℣. Mi diras vin : Vi estas Petro (t. e. roko).

℟. Kaj sur ĉi-tiu roko mi konstruos mian Eklezion.

*Ni preĝu :*

Sinjoro Jesu-Kristo, kiu diris al viaj Apostoloj : « la pacon Mi lasas al vi, mian pacon Mi donas al vi », ne atentu al miaj pekoj, sed al la kredo de via Eklezio kaj laŭ via volo grace donu al ĝi pacon kaj unuecon. Kiu vivas kaj regas, Dio en ĉiuj jarcentoj de la jarcentoj. Amen.

La sekvantaj intencoj estas rekomenditaj por ĉiu tago de la semajno :

18 Jan. — La reveno de *ĉiuj erarantoj* al la ununura Ŝafejo de Petro.

19 Jan. — La reveno de la *Orientaj Konfesioj* al la Katolika Unueco.

20 Jan. — La reveno de la *Luter-anoj* kaj de la aliaj *Protestantoj* en Eŭropo al la Katolika Eklezio.

21 Jan. — La reveno kaj la submetiĝo de la *Anglikanoj* sub la aŭtoritaton de la Sankta Patro.

22 Jan. — Por ke *ĉiuj Kristanoj en Ameriko* unuiĝu en la kredo kaj submetiĝu al la Vikario de Kristo.

23 Jan. — La daŭronta konverto de la *malvirtaj Katolikoj* kaj de la *apostatoj.*

24 Jan. — La konverto de la *Judaro.*

25 Jan. — La konverto de la *Idolanaro.*

Ni konfidas. ke niaj legantoj fervore partoprenos en ĉi-tiu preĝagado, *ut omnes unum sint.*

JAC. KAART.


KATOLIKA VIVO

DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Telefono : Parie-Elysées 85-84
Telegrama adreso : Ramboux, Croibayar-Paris-86

ADMINISTRACIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ :

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8.50 |
| Por landoj kun rabata posttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika.*
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas :

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando* : S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30ᵉ, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.

*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando* : S-ro K. Jos. Haas, Adligenswilerstr. 4, Luzern. Poŝtkonto : VII 3.883.

## Unua nacia katolika Filmkongreso en Hago

*La katolika filmcenzuro en Nederlando*

> En Katolikismo kuŝas grandega kvanto da filmmaterialo, sed vi ne sciis uzi ĝin.
>
> Eisenstein.

Estas superflue ĉi tie ankoraŭ ree detaligi la funestan influon, kiu eliras el la hodiaŭa filmaro. Ni certe ne trograndigas, kiam ni taksas pli ol naŭdek procento de la filmoj senmorala.

Vere katolika filmarto, precipe de arta vidpunkto ankoraŭ apartenas al la utopioj, dum la rusa filmaro (esence soveta propagandilo) atingis artan gradon, kiu verdire ne nur meritas la atenton, sed eĉ superas en ĉiuj rilatoj la Usonajn filmaĉojn, kies tasko nur estas servo al la malaltaj instinktoj kaj sensaciemo de la publiko; kaj plenigo de la monujo de la grandaj filmsocietoj kaj teatroposedantoj.

Por almenaŭ havigi al la katolikoj fidindajn informojn en Nederlando laboras la Katolika Film-Centrejo (K. F. C.), kies tasko estas cenzurigi de morala vidpunkto. La centra cenzurkomisio de la K. F. C. donas al la gvidantoj de la lokaj komisioj antaŭavizon, kiu povas esti: aprobinda, duba, malaprobinda. La cenzurigo okazas de du personoj, kiuj donas ilian opinion: aprobita, malaprobita, aprobita sub rezervo. La aprobitaj filmoj ricevas blankan karton por la al la K. F. C. aligitaj kontoroj. Ĝis nun 50 filmteatroj staras sub kontrolo de la K. F. C. kaj akceptis la devon ne prezenti malaprobitajn filmojn.

Je la 10 decembro 1930 en Hago okazis la unua nacia katolika filmkongreso, kie oni priparolis ĉi subajn du konkludojn:

I. Kunlaborado de la katolikoj sur la tereno de la filmo estas necesa.

II. Tiu ĝenerala kunlaborado nur povas realiĝi per morala kaj financa subteno de la K. F. C.

Ĉar la K. F. C. ĝis nun per la cenzurigo nur faris negativan laboron, diversaj parolantoj instigis al kaj parolis pri la pozitiva laboro, nome: la kreado de artaj filmoj kun katolika moralo kaj sento, sen ke oni ricevu sentemajn fuŝajojn, de kiuj ni jam kelkfoje vidis bedaŭrindajn ekzemplojn. I. a. pri tio parolis S-ro Domburgh, el Amsterdam, kiel filmcenzuristo en sia lando, pli bone konata sub la pseŭdonimo « Close Up », dum Pastro Hyacinth Hermans, O. P., transportis la konkludojn, kiuj estis priparolataj kaj akceptataj dum la internaciaj katolikaj filmkongresoj. La pozitiva laboro tamen bezonas fortan financan subtenon.

Kvankam la rezultatoj de tiu ĉi kongreso certe estas nur modestaj, estas tamen ĝojiginda fakto ke la intereso por kaj la bezono al pozitiva laboro sur tiu ĉi tereno estas noteblaj, dum la negativa (la cenzurigo) montriĝis ĉe la K. F. C. en bonaj manoj. Al la katolika filmo ankoraŭ tiom multego mankas, ke unu tago de priparolado certe ne sufiĉas.

Estas en tiu ĉi rilato ankoraŭ sciiginda, kion ni povas informi pri la unua simptomo de arta katolika filmarto en nia lando nome: la filmo pri la katolika tuberkulozoj-flegado en la sanatorio « Berg en Bosch », kiun la juna kineasto Jan Hin ĵus finpretigis.

« Close-Up » skribis pri la fino de tiu ĉi filmo:

« Jen li (Jan Hin) vidigas mallonge kaj absolute la internon de la kapelo kun preĝantaj monaĥinoj kaj flegitoj, kiuj suprenvidas al la Ĉioplejsankta, kun kio la pastro benas. Jen monaĥino faras tuj antaŭ la lenso krucsignon, kiu restas malproksima de sukera dolĉeco kaj pli multe signifas ol ĉiu kvazaŭa virtecpretendo de du Teresioj kune (celitaj estas la du filmoj pri sankta Teresio). Per tiu ĉi fino, kiu sugestigas la Dikonfidon kiel plej superan helpon post la genia scienco kaj la bonfara amo al la proksimuloj — du ĉefpunktoj de la sanatorio — tiu ĉi filmo staras sur pli alta plano kiel ĝenerale dokumenta filmo staras. Kaj tion ĉi mi precipe trovas la grandan meriton de la filmo: la granda ideo, kiu ŝvebas malantaŭ la videbla subjekto, sin levas kiel sugestio el la filmo. »

El kio oni ne devas konkludi ke tiu ĉi filmo jam estas majstroverko, sed la komenco, la bona komenco ekzistas.

J. H. Westen.

■ La en Brooklin eldonata katolika gazeto *The Tablet* atentigas, ke la reeldonita fama « Encyclopedia Britanica » montriĝas per dika, vulgara nekono de la katolikaj instruoj, kaj enhavas multajn falsajn dirojn pri la Eklezio, mirakloj, dogmoj, Jezuitoj, ktp.

*LETERO EL MALABAR (SUD-HINDUJO)*

# PRI LA KONVERTIĜO DE DU JAKOBAJ EPISKOPOJ

*La gazetaraj inform-agentejoj en oktobro 1930 disvastigis tra la tuta mondo la sciigo pri konvertiĝo al Katolikismo de du Jakobaj episkopoj. De nia korespondanto en Malabar (Sud-Hinduĵo) ni ricevis jenajn sciigojn pri tiu okazintaĵo grava por la plua kreskado de la katolika religio meze de la Jakobanoj.*

Dio ekkompatis la bonvolulojn, kiuj al Li preĝis pri verlumo kaj konvertiga graco. Inter tiuj bonvoluloj estis precipe Msro Ivanios, metropolito de la Betani-kongregacio de Jakobaj monaĥoj, kaj Msro Teofiles, lia help-episkopo kaj disĉiplo.

Antaŭ kelka tempo iuj katolikaj gazetoj en Hindujo jam rimarkigis, ke la Betani-monaĥoj, kiel la iamaj anglaj monaĥoj de Caldey, ekmontris evidentajn signojn por eniri la katolikan Eklezion kaj sin submeti je la aŭtoritato de Lia Papa Moŝto, kiun la Jakobanoj honoras per la titolo: ĉefpatriarko, sed pri kies aŭtoritaton ili neniel zorgas.

La popoldiro realiĝis la 20 septembro 1930, kiam la konvertiĝintaj episkopoj faris sian Kredodeklaron publike kaj solene antaŭ Lia Episkopa Moŝton de Koilon, D-ro Benziger kaj du aliaj katolikaj episkopoj, en la katedralo.

Ju pli la katolikoj ĝojas, des pli la Jakobherezuloj malŝatas ilian prosperiĝon kaj konvertiĝon. Kiel ja ili povus trankvilaj esti. malriĉaj. Ĉion ili fordonis por aĉeti la margarenon pri kiu estas parolite en la Evangelio. Ekzistas multaj institucioj kaj preĝejoj en Suda Travankoro, apartenantaj al la Betani-monaĥoj. Post la konvertiĝo de la metropolito, tre malmultaj Betani-monaĥoj restas Jakobanoj. La disĉiploj de Msro Ivanios siavice faris sian Kreddeklaron antaŭ sia metropolito tiam katolika.

Lia Ĉefepiskopa Moŝto Mar Ivanios verdire estas la plej granda reformanto de la Jakoba Eklezio en Malabar dum la kvar jarcentoj de ĝia ekzistado tie. Jam estis famaj gvidantoj Jakobaj, kiel Mar Josefo Denis, Mar Tomaso, Mar Denis VI-a, kiu ege penadis por reunuiĝo kun la katolika Eklezio, kaj aliaj. Sed neniu montris iam tiom da religia fervoro kaj pieco al antikvaj ritoj kaj tradiciaj doktrinoj kiel Mar Ivanios. Jakobismo jam estis miksita kun protestantaj doktrinoj de tempo al tempo; malmultaj religianoj vizitis la preĝejojn; la sakramentoj oni ne zorgis tute; la fastoj kaj festoj estas rigarditaj kiel superstiĉaĵoj antikvatempaj. La episkopoj kaj gvidantoj sin okupis ĉefe pri internaj disputoj kaj civilaj apelacioj ĉe registara juĝejo. Sekve la spiritan vivon de la kredantaro oni ne prizorgis. Mar Ivanios, preskaŭ antaŭ 20 jaroj konita sub la nomo de Pastro P. T. Givargis, lernejestro ĉe la Supera Seminario, multe bedaŭris la aferstaton, kaj



La ambaŭ Jakobaj episkopoj lasttempe konvertiĝintaj al Katolikismo

Ĉefepiskopo Mar Ivanios — Episkopo Mar Teofiles

neniel! Ĉar Lia Ĉefepiskopa Moŝto Mar Ivanios estis la koro de la Jakoba Eklezio. Kelkaj gazet-korespondantoj vizitis la metropoliton. Sed ili sukcesis nenion ekscii de li escepte miresprimajn vortojn pri la bonega organizado de la katolika Eklezio kaj la mizera situacio skisma, sendisciplina, aŭtoritat-malobeema ekster ĝi. Li sperte konstatis tion veršajne dum li estis arangiĝinta sian konvertiĝon kun la Sankta-Seĝo, eble pere de Msro Benziger.

Dimanĉon 24 aŭgusto 1930, Msro Mar Teofiles, help-episkopo de la metropolito, kaj la plimulto de la Betani-monaĥaro, publike dum la sankta Meso, anoncis sian decidon eniri la katolikan Eklezion kaj forlasi la Jakob-herezon al la multnombraj fideluloj venintaj el ĉiuj partoj de Suda Iravankoro. Post la sankta Meso okazis publika kunveno, dum kiu la metropolito mem detale klarigis kiamaniere li devis forlasi la Jakob-herezon kaj fariĝi katoliko; en tiu grava agado lin gvidis nur konscienca diroj kaj pensoj pri lia propra anim-savo. Post tiu konvertiĝo-anonco fermita estis la Betani-monaĥejo. La metropolito, lia help-episkopo kaj la monaĥoj foriris por ekokupi alian domon malriĉan en Thiruvilla. La foriro de la konvertiĝintoj estis tre malĝoja. Oni ja adiaŭis al amikoj, konatuloj, eĉ al propraj domoj monaĥaj kaj preĝejoj. Ili efektive fariĝis fordoninte sian postenon, li sin okupadis pri la teologiaj studoj, por ke li perfekte zorgu pri la plibonigo spirita de siaj Jakobaj Eklezianoj.

En Kalkuto, Pastro P. T. Givargis interrilatis kun protestantoj, kiuj kredis je sep sakramentoj kaj je neceso de unu Eklezio.

Kelkaj junuloj grupiĝis ĉe Pastro Givargis kaj akceptis lian religian spiriton. Baldaŭ li malfermis religian domon en Betanio. Ankaŭ monaĥinejon li malfermis. Ili edukis geinfanojn kaj zorgis pri georfoj. La gemonaĥoj vivtenis laŭ tre severa regularo pli malpli simila al katolika regularo monaĥa. Ilia vivrimedoj estis precipe almozpeto kaj malgranda kampproduktaĵo. Ili ankaŭ ricevis malgrandan monapogon por la subteno de la georfoj kaj de kelkaj lernejoj.

Mar Ivanios, metropolit-fondinto de Betanio, verkis liturgiajn librojn, tradukis himnojn kaj preĝojn. Li ankaŭ majstre verkis doktrinajn librojn. Preĝejoj, kun enloĝantaj monaĥpastroj por zorgi pri la spiritaj bezonoj de la kredantaro, estis de li starigitaj en multaj lokoj.

Eĉ meze de ĉi tiuj bonfaradoj spiritaj, al Mar Ivanios mankis la vera animpaco. De tago al tago kreskis en lia konscienco dubo pri sia situacio en la Jakobhereza Eklezio kaj fine li deziris unuiĝi al la katolika Eklezio. Pri tio li korespondis kun Romo dum kelkaj monatoj. Kaj la 20 septembro 1930 Mar Ivanios kune kun sia help-episkopo Teofiles estis akceptitaj en la katolika Eklezio. La Sankta-Seĝo promesis al la du episkopoj plenan jurisdikcion sur ilia kredantaro.

La konvertiĝo al Katolikismo de Msro Mar Ivanios estas gravega okazintaĵo en la religia historio de Malabar, ĉar li estas prelato havanta grandan influon, esperdonan estimon kaj ĉies altestimon. Lia ekzemplo sendube altiros multajn sincerajn Dio-timantajn homojn al la vera kaj nura Eklezio de Kristo. La fervora preĝo de nia legantaro havigu al ili la dian gracon tuj.

Henry Josef, *Karmelana presbitero.*

## Moderna trafiko je la servo de la Misioj

Certe oni jam konas la de Pastro Paul Schulte fondita Laborsocieto por la misia trafiko (Missionsverkehrs - Arbeitsgemeinschaft) MIVA, kies sidejo estas en Köln (Germanujo). De post ĝia fondiĝo, kiu datumas de 1927, la dirita societo pli kaj pli progresis, dank' al financa apogo de multaj germanaj riĉuloj.



Pastro Paul Schulte
fondinto de la MIVA

Per la raporto de Pastro Schulte prezentita al la lasta ĝenerala kunsido, oni povas ekcii iom pri la agado de tiu kurioza misisocieto, kies celo estas meti la modernan trafikon je la servo de la misioj. La rezultatoj jam trafitaj estas tute kontentigaj kaj esperplenaj.

En 1929, la MIVA povis sendi aŭtomobilojn al Msro Cjura, en Durazzo, kiu laboras por la konvertoj de mahometanoj en Albanio, al misiistoj de la Plejsankta Koro en Sud-Orienta Afriko, al Msro Jarre, franciskana episkopo en Tsinan-fu, Ĥinujo.

Kvar ŝarĝaŭtomobiloj estis aĉetitaj por la katolika propagando germana: du por la ĉefepiskopejo de Paderborn kaj du por la episkopejo de Osnabruck kaj Meissen. Kvina ŝarĝaŭtomobilo estis donacita al grava organizaĵo katolika en Germanujo, laŭ la deziro de la donacinto.

Aŭtomobila boato « Pio X-a » estis donacita al misio en Centra Afriko (Okawango) kaj ŝipmotoro al apostola prefekto, Pastro Dubara, en Suda Ameriko.

Dank' al apoko de la MIVA, Pastro Toujes sukcesis fariĝi flugmaŝinpiloto. Li estas destinata por insuloj en la Paca Oceano.

Krome, pere de la MIVA aĉetoj de ŝarĝaŭtomobiloj kaj motoroj estis avantaĝe faritaj por diversaj misiejoj. Plie estas nun finance certigita transveturado per ter-, akv-, kaj aervojoj en la apostola vikariejo de Windhoek, en Afriko. Pastro Schulte mem estis nun foririnta Afrikon por organizi la aviadan servon.

En 1929 la MIVA rikoltis inter misiaj amikoj la sumon da 150.000 markoj. Jen elokventa cifero, kiu evidente montras la gravecon de tiu moderna misi-societo.

## Jezuito, profesoro en ŝtata universitato en Ĥinujo

R. P. Savio, Jezuito, lasttempe estis enoficigita de la ĥina registaro kiel profesoro pri entomologio en la Universitaton de Woosung, apud Shangai. Antaŭe Pastro Savio estis direkto de la studoj en la Kolegio Sankta-Ignacio, Kancelerio de la Universitaro « Aŭroro » en Schangai kaj direktoro de la Muzeo por Natura Historio en la sama urbo. Ano de la Entomologia Societo de Francujo, R. P. Savio jam rifuzis katedron al li proponitan de la registaro de Nankin. (*Agentejo « Fides »*).

## EL LA VATIKANA URBO

### Vizito de la Japana imperiestrido al la Papo

La Japana Princo Nohubito Takamatsu estis akceptita dimanĉon 7 decembro, de Lia Papa Moŝto.

Militaj honoroj estis al li faritaj de duonroto de papaj ĝendarmoj kaj de soldatoj de la palaca gvardio en la korto Sankta-Damaso, kie lin atendis Markizo Sacchetti, Msro Nardone kaj ĉiuj ĉefaj aŭtoritatuloj de la papa kortego.

Msro Caccia-Dominioni, mastro de ĉambro, akceptis la princon ĉe la sojlo de la papa antaŭĉambro kaj enkondukis lin en la salono



La Japana Imperiestrido en la Vatikano

de la Troneto, kie jam estis Lia Papa Moŝto.

La privata interparolado de la princo kun Pio XI-a daŭris horkvaronon. Ĉeestis Pastro Taguche, kiu deĵoris kiel interpretisto. La rilatoj inter la Sankta-Seĝo kaj la Japana kortego estas bonegaj kaj sekve oni komprenas, ke la japana princo poste diris sian kontenton pri la interparolado kun la Papo.

Laŭ la kutima ceremoniaro la princo prezentis sian sekvantaron al la Papo, kaj poste vizitis Kardinalon Pacelli, ŝtata sekretario, kiu siavice vizitis unu horon poste, je la nomo de la Papo, la princon, kiu loĝis en Hotelo de Romo.

### Papaj moneroj

La novaj Papaj moneroj cirkuliĝos komence de la nova jaro 1931 kaj ili estos akceptataj ne nur en la Vatikana Urbo sed ankaŭ en tuta Italujo.

Laŭ konvencio subskribita, la 2 aŭgusto 1930, de Komandanto Serafini, guberniestro de la Vatikana Urbo, kaj de S-ro Mosconi, Financa ministro de Italujo, la Vatikano povos utiligi la Italan Hotelon Moneran por fabrikigi siajn proprajn monerojn. La Vatikana Urbo povos fabriki ian ajn kvanton de oraj moneroj. Sed ĝi povos fabrikigi alimetalajn monerojn nur por unu miliono da liroj ĉiujare, dum la kvin unuaj jaroj. Poste tiu kvanto estos malgrandigita ĝis 20 % dum la kvin sekvontaj jaroj.

Tiu miliono de moneroj konsistos el 750.000 arĝentaj moneroj, 234.000 nikelaj kaj 16.000 bronzaj moneroj. Ĉiuj moneroj estos laŭ la pezo, dimensio kaj almiksaĵo tute similaj al tiuj de la Itala regno. La moneroj surhavos sur la antaŭa flanko la portreton de la reganta Papo kaj sur la posta flanko la Papajn insignojn aŭ aliajn figurojn kun la eliga dato kaj la regjaro.

La konvencio ankaŭ difinas, ke dum la daŭro de la konklavo la kvanto de moneroj kun speciala stampaĵo pri la vakanta trono povos atingi unu milionon kaj duono da liroj.

Fine la Vatikano estas libera stampadigi nelimigitan kvanton de moneroj surhavantaj la memorigan daton de la 1929-a jaro por la interno de la ŝtato kaj por vendi al kolektantoj.

### La elektra centrejo

De post la komenco de 1930, oni aktive laboradis por la konstruado de nova elektra centrejo en la Vatikana Urbo. Tiu ĉi estas situata ĉe la komenco de la via della Zecca kaj ĝi estas destinata por kavigi al la Vatikana ŝtato sendependajn elektrajn servojn. Ĝi havas areon de 416 kvadrataj metroj.

La instalaĵo estas sufiĉe forta por havigi motoran forton kaj lumigon al la tuta Vatikana Urbo, entenate la bazilikon Sankta-Petro, ankaŭ la forton necesan por la radioposteno kaj la telegraf-servo.

Jam plurfoje Lia Papa Moŝto Pio XI-a vizitis la elektran centrejon. Li vizitis ĝin denove la 8 decembro lasta. Sur la sojlo lin akceptis lia nevo, Inĝeniero Franko Ratti, vic-ekonomo de la apostolaj palacoj, kaj la estroj de la uzino. La Papo atente ekzamenis la novajn instalaĵojn kaj kvar motoroj ekfunciis antaŭ li.

PETRANO.

## LETERO EL ĈEĤOSLOVAKUJO

### Popolkalkulado kaj katolikoj

Ĉiu ŝtato post forpaso de ia nombro de jaroj aranĝas kalkuladon de siaj civitanoj. Afero tute simpla kaj ripetiĝanta. Tia popolkalkulado okazinta en Ĉeĥoslovakujo, la 2 decembro 1930, fariĝis por ĉiuj malamikoj de Kristo kaj lies Eklezio bonega okazo por ilin ataki. Ĉiuj kontraŭuloj, komencante de la plej ekstreme socialistaj sendiuloj, liberpensuloj, protestantoj ĝis la anoj de la hereza sekto ĉeĥoslovaka, ĉiuj ope klopodis por kiel eble malgrandigi la nombron de katolikoj en nia ŝtato. En ĉiuj serioj de publikaj kunvenoj oni atakis la katolikan Eklezion. Ĉiuj kalumnioj, mensogoj kaj antaŭjuĝoj taŭgis por malhonorigi ĝin kaj tiamaniere atingi la malnoblan celon. El malfeliĉa periodo de ĉeĥa historio oni eltiris la nomojn de per Eklezio kondamnita herezulo Jan Hus, kaj de aliaj ne-katolikoj, uzante ilin por batali kontraŭ Katolikismo.

Kompreneble la katolikoj ankaŭ ne mallaboris, kaj notindaj estas la deklaraj leteroj de Msro Kordaĉ, ĉefepiskopo de Praha, kaj de Msro Kaŝpar, episkopo de Hradec Královė, en kiuj la ambaŭ eklezĭaj eminentuloj firme kaj inde klarigas la dian originon de la katolika Eklezio, la al ĝi de Kristo donitan rajton instrui, eduki kaj gvidi la individuojn kaj naciojn al la savo. Ankaŭ la ĉiuspeca katolika gazetaro helpis defendi la Eklezion.

Pri la fina rezultato de la statistiko ni pli poste informigos la internacian legantaron.

### Senlaboreco kaj katolikoj

Malfeliĉo de senlaboreco trafas nun preskaŭ ĉiujn landojn; ĝi bedaŭrinde atingis ankaŭ nian ŝtaton. Laŭ statistiko de ministrejo por socia zorgo, senlaboruloj estas nun 300.000 en Ĉeĥoslovakujo.

Malĝoja perspektivo nun vintre! Kaj la devo de ĉiu homo estas helpi, rapide helpi. Kaj jen montriĝis la de socialistoj proklamata « malamikeco de la katolika Eklezio kontraŭ la laboristaro ». Kiel la unua signalo por la helpo, estis la proklamo de estinta profesoro de sociologio en la universitato de Praha kaj nuna ĉefepiskopo de Praha, Msro Kordaĉ, en kiu li pritraktas la laboristan demandon de la kristana vidpunkto, montrante la rolon de kapitalo en la nuna moderna tempo: ĝi ja devas servi por la komforto de la homaro, ne por ĝia detruo. La proklamon akompanis lia malavara donaco de 50.000 ĉk. kronoj, por helpi senlaborulojn en Praha. Lia faro vekis grandan intereson en ĉiuspeca gazetaro. Kaj lian ekzemplon sekvis la donacoj de aliaj bonfarantoj, ekzemple de Lia Abata Moŝto Zavoral, S-ro Ŝvarcenberg kaj aliaj.

FRANCISKO KUDRNA.

### La kapelanoj en la itala armeo

Artikolo de la Konkordato subskribita inter la Sankta-Seĝo kaj la itala Ŝtato antaŭparolis pri la organizo de kapelanoj en la itala armeo. Kelkaj Vatikanaj publikaĵoj havigas iajn detalojn pri tiu aranĝo: ĝi konsistas el unu episkopo, helpata de vikario, tri inspektoroj: unu por la armeo, unu por la ŝiparo kaj aviado, kaj tria por faŝista milico. Oni kalkulas 27 kapelanestroj por la armeo, 5 por la ŝiparo kaj 3 por la aviado.

### Konflikto en Jerusalemo inter anglaj kaj katolikaj aŭtoritatoj

Oni sendis de Jerusalemo al la itala gazeto la *Corriere della Sera* informon, laŭ kiu la angla guberniestro de Jerusalemo, akompanita de kelkaj policanoj kaj de laboristoj, estis sin prezentinta ĉe la Groto de la Kristnaskiĝo en Betlehemo por ordoni la komencon de la riparlaborojn. Malgraŭ la protestoj de la Pastro Franciskana, gardisto de la sankta loko, kontraŭ la rompo de la *statu quo* de la sanktaj lokoj la riparlaboroj tuj ekkomencis.

## EL GERMANUJO

### Kontraŭ la "Internacio de l' Diablo"

La « Internacio de aktivaj sendiuloj », kies centrejo troviĝas en Moskvo, estas antaŭ nelonge reorganizita kun la intenco, komenci grandstilan atakon al la Kristanismo en la tuta mondo. Iu germana komunisto ateisto, nome Hans Meins, estas elektita ĉefsekretario, kaj nun trairas la gazetaron la famo, ke oni volas transigi la centrejon de Moskvo al Berlin. En la prusa parlamento D-ro Hess nome de la (katolika) Centro-Partio jam solene protestis kontraŭ tia intenco kaj postulis, ke la registaro ne toleru ĝian realiĝon. Ĉar tiu internacio volas batali kontraŭ religio kaj Eklezio « per ĉiaj iloj », kaj ĝiajn metodojn oni ja sufiĉe konas el la rusaj persekutoj. Prave la katolika gazetaro en Germanujo protestis kontraŭ akcepto de tia gasto, kia estas la « Internacio de l' Diablo ».

### Katolikoj kaj Hitler-movado

La tiel nomata « naciista socialismo » de Adolf Hitler, naciista kaj faŝista revolucia movado, kiu bedaŭrinde en la lasta tempo fariĝis laŭ forteco la dua el la germanaj politikaj partioj, sukcesis gajni en kelkaj regionoj ankaŭ katolikajn anojn. La episkopo de Mainz dekretis, ke neniu katoliko povas esti membro de tiu verdire kontraŭkatolika movado kaj ke tiuj katolikoj, kiuj ne tuj eksiĝas, ne plu povas ricevi la sakramentojn de la Eklezio. La Hitler-anoj nun furiozas, sed ĉiuj klare pensantaj katolikoj dankas la episkopon, kaj la Vatikana jurnalo *Osservatore Romano* montras per siaj simpatiaj artikoloj, ke en Romo oni havas la saman opinion.

### Ekonomia Krizo

Granda nun estas la ekonomia mizero en Germanujo. Milionoj da senlaboruloj, bankrotoj de multaj komercistoj, malplialtigo de salajroj! Do multege da bezono por la kristana karito! Kaj vere ĝi nun, en kelkaj regionoj eĉ modele, montriĝas. Pastroj fordonas parton de sia salajro, fondiĝos helpkasoj, bone hejtitaj ĉambroj estas disponigataj por dumtage restado de senlaboruloj, kaj por la senlabora junularo en kelkaj lokoj la katolikaj junularaj ligoj komencis, kun ĝojiga subteno de la ŝtataj kaj urbaj aŭtoritatoj, instruajn kursojn.

### Katolika Junularo de Germanujo

Sendube neniu lando ekzistas en la mondo, kie la junularaj ligoj estas tiel multaj kaj variaj kiel en Germanujo. Tamen depost du jaroj ekzistas centra organizaĵo de preskaŭ la tuta katolika junularo. Ĝi nomiĝas Katolika Junularo de Germanujo kaj konsistas el pli ol 30 ligoj kaj asocioj kun entute 1 1/2 milionoj da junuloj kaj junulinoj. Nun ĝi preparas sian duan jaran kongreson, kiu okazos 23-25 januaro 1931 en la belega junulara hejmo Altenberg ĉe Köln. En la mallonga tempo de sia ekzisto la Katolika Junularo de Germanujo jam povis realigi multe da praktika laboro. En multaj urboj ekzistas karteloj de ĉiuj katolikaj junularaj ligoj. Ĉiukvaronjare okazas en Düsseldorf en la centrejo de la Junulina Asocio kunsido de la Gvidantaro, kiu en la lasta tempo ekz. akceptis decidojn pri terposedreformo (postulo de la tuta junularo!), pri helpo al junaj geinstruistoj senlaboraj, pri agado inter la infanoj ktp. La Katolika Junularo de Germanujo havas bonege redaktitan oficialan organon *Stimmen der Jugend*, kies ĉefredaktoroj estas D-ro Karl Holzamer kaj Georg Wagner kaj kies 10-membra redakta komitato enhavas gvidantojn de la diversaj tipoj kaj metodoj de la katolika junulara agado. Depost la fondo de la gazeto apartenas al la redakta komitato kiel fakulo pri internaciaj aferoj Wilhem Solzbacher, kaj en ĝi aperis multege da artikoloj kaj noktoj pri alilanda junularo.

### Laborsemajno de pastraj junulargvidantoj en Berlin

Nu —, ĉu do tio estas io eksterordinara? Kiel raporti pri io, kio okazas ofte kaj ĉie? Tamen la konferenco, pri kiu mi raportas, estas eksterordinare interesa, kaj mi opinias, ke en kelkaj landoj oni legos pri ĝi kun grandega miro..... Do: en Berlin en la salonego de la estinta prusa Senatejo (Herrenhaus) kunvenis pastraj gvidantoj de la Katolika Junvira Asocio el la tuta Germanujo, por pli profunde studi la problemojn de la nuntempa junulara pedagogio. Kaj la Katolika Junvira Asocio invitis, por paroladi antaŭ la pastroj, la socialistan gvidanton (eĉ ĉefsekretarion de la Socialista Junulara Internacio) Ollenhauer, la protestantan pedagogiiston Pastron Engelke kaj la naciistan junulargvidanton D-ron Dähnhardt. Ili paroladis en bone pripensitaj moderigitaj vortoj, sendube, tamen tute klare kiel socialisto, kiel protestanto kaj kiel naciisto. Kaj estiĝis tre interesa diskutado, en kiu montriĝis, kiom da malveraj antaŭjuĝoj ankoraŭ ekzistas, kiuj malhelpas la honestan, fortan bataladon pri la vere esencaj aferoj, kaj kiom multe ni katolikoj ankoraŭ povas lerni de la « aliaj ». La finparoladon faris la episkopo de Berlin, Msro D-ro Schreiber, la granda amiko de la junularo. La interesaj paroladoj de tiu eksterordinare grava konferenco estas publikigitaj en speciala numero de la pedagogia gazeto *Jugendführung* (junulara gvidado).

### Kastelo kiel lernejo

La kastelon Drachenburg, ĉe la Drachenfelsmonto, en unu el la plej belaj regionoj de Germanujo (proksime al la Rejnlandaj urboj Honnef kaj Königswinter) aĉetis la Fratoj de la Kristanaj Lernejoj, por tie fondi modelan lernejon. En la lasta jarcento la lernejoj en Germanujo ĉefe prizorgis kulturadon de la intelekto, en kio certe neniu alia lando ilin atingis, sed tre malzorgis la veran karakterformadon. Tamen post la milito en kelkaj lokoj katolikaj edukistoj fondis modelajn lernejojn, kiuj volas formi, evoluigi la junajn homojn ne precipe per kulturado de la intelektaj kvalitoj, sed en la centro de kristana vivado. Tia lernejo nun fariĝos ankaŭ la mondkonata kastelo Drachenburg, kiu ĝis nun nur servis al amuzado de riĉaj nenionfarantoj...

### "Donacoj" al Japanujo

Aperis en la faka gazeto de la germanaj libroeldonistoj interesa statistiko pri la 101 libroj, kiuj en la lasta jaro estas tradukitaj el la germana en la japanan lingvon. El tiuj 101 verkoj nur unu estis kristana: la « Imitado de Kristo » de Thomas a Kempis (tradukita laŭ la germana traduko). Tamen 23 verkoj estis marksistaj kaj materialistaj, inter ili la libroj de Karl Marx kaj Friedrich Engels en duvoluma kolekto de ilia tuta verkaro, multaj libroj de Kautsky, Karl Liebknecht, Wilhem Liebknecht, Rosa Luxemburg, Bebel, Bebel, Bernstein. Inter la filozofiaj libroj troviĝis « la origino de la kristanismo » de Kautsky (ateista) kaj plena verkaro de Nietzsche. El la beletristiko estas juĝitaj indaj je japana traduko la libro « Anatol » de Schnitzler (laŭ morala vidpunkto nepre rifuzinda) kaj la « Herezulo de Soana » de Gerhart Hauptmann (apenaŭ pli bona). Laŭ la opinio de fakuloj la statistiko pri japanaj tradukoj el franca kaj angla lingvoj ne estus multe pli bona. Kaj per tiaj libroj la japanoj konatiĝas kun la « kristana » Eŭropo!

WILHELM SOLZBACHER.

### Nova Preĝejo Sankta-Patriko

Nova kaj bela preĝejo estas malfermita en malproksima Ugando per la laboroj dum multaj jaroj de Irlanda pastro kaj kun la helpo de malavaraj katolikoj tie kaj de Irlandanoj tra la mondo. La nova preĝejo estas dediĉita al sankta Patriko de la Misio de la Mill Hill pastroj.

Lia Moŝto, D-ro Campling, apostola vikario de la Supra Nilo faris la dediĉon kaj celebris la unuan meson en la nova konstruaĵo. La ĉeestantaro nombris 7.000. Pastro J. Brennan, paroĥestro, dankis la amikojn, kiuj helpis lin por la plenumo de la laboraĵo.

H. Mc NIEL MACAULEY.

■ Laŭ sciigo el la Vatikano, ĥinaj banditoj mortigis Patron Johanon Soggiu, Franciskanon kaj apostolan prefekton de Ĥin-Gan-Fu. La martirigita misiisto naskiĝis en 1883, eniris la ordenon de Sankta-Francisko dum 1908, kaj farinte kurson pri praktika medicino li ekveturis dum 1925 al Ĥinujo.

■ En la katolika universitato de Washington estas lasttempe aranĝita pastra seminario por negroj.

■ Laŭ informo el la Vatikano, la 22 decembro 1930, Kanoniko Henriko Dutoit, ĝenerala vikario de la eparĥio de Lille, estas elektita episkopo de Arras, por anstataŭi la karmemoran Msron Julien, tutmonde konata pro lia pac-amo. Msro Suhard, episkopo de Bayeux kaj Lisieux, estas promociita al la ĉefepiskopa seĝo de Reims, kaj Msro Hurault, episkopo de Viviers, estas translokita al Nancy.

*LETERO EL ANGLUJO*

**La 70-a datreveno de la fondiĝo de « The Universe »**

La katolika gazeto angla *The Universe* festis en Londono, la 8 decembro lasta, la 70-an datrevenon de sia fondiĝo. *The Universe* estas unu el la pli gravaj ĉiusemajaj ĵurnaloj katolikaj eldonataj en Anglujo nuntempe. La Master and Worshipful Company of Stationers bonvole pruntedonis sian belan halon por okazigi la feston. La halo, lokata apud la katedralo Sankta-Paŭlo, estis konstruita baldaŭ post la morto de Chancer; ĝi estas la naskloko de la libra kaj jurnala eldonado. Nun ĝi ankoraŭ staras meze de la eldonista kaj jurnalista kvartalo de Londono.

La scenejo de la festo ja prezentis belan bildon dum la vesper-festeno: skarlatkoloraj diantoj, la ruĝa kardinala sutano, kaj menuoj de sama nuaco ornamis la tablon, sur kiu elmontriĝis la netakseblaj malnovaj arĝenteroj de la Stationers Company. La standardoj de la Kompanio pendis laŭlonge la muroj; la fama kolorvitraĵo estis lumigita ekstere. La festeno okazis sub la prezido de Kardinalo Bourne. La ĉefepiskopo de Liverpool, multaj episkopoj, ambasadoroj de Francujo, Hispanujo, Italujo, Brazilo kaj Pollando, membroj de la registaro: Sir Austein Chamberlain, Lord Eustace Percy, kaj Parlamentanoj, multaj anglaj eminentuloj kaj ĵurnalistoj ĉeestis.

Kardinalo Bourne legis gratulan telegramon de Lia Papa Moŝto kaj transdonis lian benon al la jubilanta gazeto. Lia Kardinala Moŝto ankaŭ parolis pri siaj memoroj pri la gazeto ek de siaj knabtagoj.

Radio-posteno dissendis la paroladojn kaj muzikon tra la tuta lando.

Plua specialaĵo estis ekbruligo de 70 kandeloj sur giganto kuko, destinata al la infanoj en la hospitalo Sankta-Bartolomeo.

La glora vesper-festeno markas novan epokon en la katolikaj ĵurnalistaj aferoj en Anglujo.

Al la multaj gratuloj ricevitaj de *The Universe* en tiu okazo ni aldonas ankaŭ tiujn de *Katolika Vivo*, pro la trafitaj sukcesoj en la defendo kaj propagando de la katolikaj idealoj.

**Beno de rimarkinda preĝejeto en Norda Londono**

Komence de decembro, Msro Goodier, titola episkopo de Hierapolis, benis novan kapelon de monaĥinejo en Harlesden-London.

La kapelo estis konstruita laŭ modelo de fama preĝejo en Remiremont, historiĉa urbo en Orienta Francujo. Interesa karakterizo de la nova konstruaĵo estas alta arkaĵaro de la plafono, farita tute el fortigata betono, verŝajne la unua de sia speco en la mondo. La arĥitekturisto, S-ro Wallace J. Gregory, speciale vojaĝis al Francujo por ekzameni kaj studi la modernajn fortigatajn betonajn preĝejojn lasttempe konstruitajn en tiu lando.

La nova kapelo estas parto de la pligrandigo de la monaĥinejo, kiu sendube havos bibliotekejon, komunan ĉambron, malsanulejon kaj dormoĉambrojn.

**Famkonata Anglikano konvertiĝis**

La famkonata Anglikana Pastro — Pastro Cyril — S-ro Cyril John Wall Henslow estis lasttempe ricevita en la katolika Eklezio de D-ro J. Arendyen en la kripto de la Westminster-katedralo.

Dum multaj generacioj la nomon Henslow la persekutataj katolikoj en Anglujo multe estimis. Nur fine de la tempo de reĝo Willam III-a, la longa heroeco de la familio submetiĝis al la nova religio, sed en « Pastro Cyrill » la nomo de Henslow denove revenas en honoron inter ni, katolikoj.

La konvertito estis, post siaj studentaj tagoj ĉe St.-John's Cambridge, membro de la Anglican Society of Divine Compassion dum kvin jaroj.

Li nun restas en la Oratory, Birmingham, kaj esperas fariĝi katolika presbitero.

LEO DUKES.



*EL AŬSTRUJO*

# La Abateja Preĝejo de Seckaŭ

## Papa Baziliko



ABATEJO DE SECKAŬ, NORD-ORIENTA VIDAĴO.

Kiu estis tiel feliĉa, ke li povis fari pilgrimon al Romo, tiu certe rimarkis ke kelkaj preĝejoj ekstere super la pordego portas la blazonon de la reganta papo. Kion tio signifas? Ĝi montras ke tiu ĉi preĝejo havas la honoran rajton, esti papa baziliko. En Romo ekzistas kvar « grandaj bazilizoj » *(Basilica major)*, nome: Sankta-Petro, Sankta-Paŭlo, Sankta-Mario la Plejgranda kaj Sankta-Johano Laterana. Krome ankoraŭ ekzistas vico da « malgrandaj bazilikoj » *(Basilica minor)*, kaj ĉi tiu titolo ankaŭ al preĝejoj ekster Romo estas donata, kiuj distingiĝas per sia granda aĝo kaj per sia graveco por la eklezia vivo en la koncerna lando.

La 4 novembro alvenis en Seckaŭ (Aŭstrujo) papa dekreto, laŭ kiu la Sankta Patro, Pio XI-a, konforme al la petoj de la abato de Seckaŭ, D-ro Benedikt Reetz kaj laŭ perado kaj rekomendo de la princepiskopo de Seckaŭ-Graz, Msro Ferdinand Pawlikowski donis al la abateja preĝejo de Seckaŭ titolon kaj privilegiojn de papa baziliko.

La kaŭzoj, kiuj instigis la Sanktan Patron je tio, estas jenaj: La honorinda aĝo de la preĝejo, kiu estis fondita en la jaro 1142 kaj konsekrita en 1163 de la beata episkopo Hartmann de Brixen kaj tiel estas la plej malnova kaj plej bela romana konstruaĵo de Aŭstrujo. Ĝia graveco por Stirio: ĝi estis, kiel preĝejo de la Aŭgustena abatejo, la religia centro de la lando, sed precipe kiam ĝi fariĝis, en 1218, katedralo — kaj Seckaŭ estiĝis la lulilo de la eparĥio, kiu ankoraŭ nun nomiĝas Seckaŭa eparĥio, kvankam la episkopo residas en Graz. Multaj episkopoj de Seckaŭ estas entombigitaj en la abateja preĝejo, inter ili la grandega reformanto Martin Prenner. La preĝejo krome posedas malnovegan honorindan kaj gracoplenan bildon de la Dipatrino kiu estas tre kultata sub la ĉarma titolo « Nia kara dommastrino de Seckaŭ » kaj kiu antaŭ la sekularizo de la abatejo en la jaro 1783 estis la celo de tre multaj pilgrimprocesioj. La preĝejo ankaŭ posedas preskaŭ 2000 valoregajn relikvaĵojn, inter ili tre grandan splitom el la vera kruco de Kristo. Tre fama estas ankaŭ la valorega kaj pompa maŭzoleo, la tombejo de la iama stiria reganto habsburgano, ĉefduko Karolo II-a. Fine estas la preĝejo, depost kiam ĝi estis transprenata, en 1883, de la Benediktanoj de Beuron, loko de brila kaj solena laŭdado de Dio kaj tiel centro de la liturgia renovado en Aŭstrujo.

Krom la abateja preĝejo de Seckaŭ nur ankoraŭ unu preĝejo de Stirio posedas la privilegion esti papa baziliko, nome la malnova honorinda aŭstra nacia pilgrimejo Mariazell.

Helpu la papa honorigo, ke la baziliko de Seckaŭ ĉiam pli kaj pli fariĝu spirita centro de la religia vivo, ke la malnova stiria pilgrimado al « Nia kara dommastrino de Seckaŭ » ree ekfloru, ke multaj kreduloj je la impona Diservo edifiĝu kaj ke multaj idealaj junuloj aliĝu al la monaĥeja familio.

KARL DÜRSCHMID.

**La nombro de la gereligiuloj en Belgujo**

Okaze de la centjaro de Belgujo la *Nouvelle Revue Théologique* (Nova Revuo Teologia) publikigis artikolon pri la kreskado de la nombro de gereligiuloj en tiu lando, de 1830 ĝis 1930.

Ilia cifero kreskis de 11.968 en 1846 ĝis 14.620 en 1856; ĝis 18.196 en 1866; ĝis 25.326 en 1880; ĝis 30.098 en 1890; ĝis 37.905 en 1900; ĝis 58.351 en 1910; fine ĝi malkreskis en 1920 ĝis 54.511.

Por kompreni tiun ĉi statistikon, oni devas memori unue ke post la franca-nederlanda periodo, Belgujo estis perdinta ĉiujn siajn monaĥejojn, poste, ke, precipe en la dua duono de la XIX-a jarcento, ĝi estis tre gastema por la religiaj Ordenoj forpuŝitaj el siaj propraj landoj: Hispanujo, Francujo, Portugalujo, ktp. La eniro de la ekzilitaj gereligiuloj klarigas la grandan pligrandigon de la ciferoj inter 1890 kaj 1910; aliparte, la malaltigo de la cifero en 1920, rilate al tiu de 1910, estis kaŭzita per la reeniro Francujon de multnombraj gereligiuloj post la tutmonda milito. Tamen en la sumoj de 1890, 1900, 1910 kaj 1920 la nombro de belgaj religiuloj estas pli granda ol tiu de alilandaj religiuloj, ĉar el la 30.098 estis 24.585 belgaj; el la 37.905, 30.915; el 58.351, 38.140 kaj fine el 54.511, 41.010.

El la 9.858 religiuloj en 1920, 2.285 estas anoj de hospitalaj kongregacioj. La 7.000 aliaj sin dediĉas precipe al la animzorgado.

*ĈIEAJ EĤOJ*

■ Laŭ sciigo el Szittagong (Hindujo), la laboranta tie anglikana misiisto B. Betteridge kaj lies edzino, ekdubintaj pri la vereco de ilia konfesio, estas akceptitaj per la tiea episkopo, Msro Le Pailleur, en la katolika Eklezio. Pro sia profunda scio, la konvertiĝinta misiisto estas instruanta en la katolika universitato de Peking. Li kaj lia edzino, kiu posedas doktoran diplomon el medicino, estas edukitaj en la anglaj universitatoj.

■ Msro Maurillo Fossati, episkopo de Sassari, jus estis elektita por esti ĉefepiskopo de Turino (Italujo). Msro Fossati naskiĝis en Arona, en la eparĥio de Novare, la 24 majo 1876. Sinsekve li estis superulo de la Oblatoj de Sanktaj-Gaudens-kaj-Karolo en Varallo Sesia, episkopo de Nuoro, la 24 marto 1924, administranto de Ogliastra de 1925 ĝis 1927, episkopo de Sassari, la 2 oktobro 1929.

■ Kvar mil katolikaj viroj kunvenintaj en Limoges (Francujo) fiere proklamis sian katolikan Kredon kaj energie depostulis, ke la rajtoj de la familioj estu respektataj en la edukado de la infano, kaj ke la religiuloj ĝuu la samajn rajtojn ol la aliaj civitanoj.

■ Lia Papa Moŝto akceptis laŭ la kutima ceremoniaro, lundon la 15 decembro, la novan ambasadoron el Peruo, Grafon Paolo Minbela, kiu prezentis al Pio XI-a siajn akreditleterojn.

**La Katolika Federacio Gimnastika en Francujo**

Pere de la raporto prezentita de la ĝenerala sekretario dum la nacia kongreso, oni povas scii la grandajn progresojn kaj interesajn agadojn de la Katolika Federacio Gimnastika en Francujo, la F. G. S. P. F.

Dum 1930, 101 gimnastikaj societoj novaj aliĝis al la Federacio, kiu tiamaniere grupigas 2.616 societojn kun pli ol 300.000 junuloj. 1.503 el tiuj societoj, kun 74.787 gimnastikuloj, partoprenis en 31 regionaj konkursoj; 656, kun 28.760 gimnastikuloj, en festoj. Por havi kompletan bildon de la aktiveco de la Federacio, oni devas aldoni, ke ĝi organizis 46 regionajn konkuradojn de futbalo, en kiuj partoprenis 11.793 ludantoj; 35 basketbalajn konkuradojn kun 7.300 ludantoj; 28 konkuradojn de kroskuro kun 1.669 kurantoj; 47 atletajn konkuradojn kun 7.832 partoprenantoj, ktp. Sekve la Federacio kunvenigis pli ol 140.000 gimnastikulojn en unu jaro. Tio estas admirinda rezultato, pri kiu ĝi povas fieri.

Diru ankaŭ ke la Katolika Federacio Gimnastika (F. G. S. P. F.) eldonas ĉiusemajnan gazeton sportan: *Les Jeunes* (La Junuloj), kiu estas frata ligilo inter ĉiuj membroj de tiu bela federacio.

**Katolika Instituto de Parizo**

Laŭ sciigoj lasttempe donitaj de la Rektoro mem, Msro Baudrillart, la Katolika Instituto de Parizo estis, en 1930, frekventata de 2.126 gestudentoj, kiuj tiele distribuiĝas:



MSRO BAUDRILLART
Rektoro de la Katolika Instituto de Parizo

Teologia Fakultato, kun ĝiaj du fakoj pri la orientaj lingvoj kaj por la sociaj studoj: 144; Fakultato de kanonika juro: 48; Filozofia Fakultato: 125; Fakultato de juro: 355; Beletristika Fakultato: 593; prepara fako al la Lernejo Arĥiva: 8; Lernejo scienca: 173; Supera Lernejo por ekonomiaj kaj komercaj sciencoj: 140; Supera Kurso por junulinoj: 540.

Tiuj gestudentoj interpartiĝis 688 gradojn, atestojn kaj diplomojn jene: 13 doktorecojn diversajn; 31 akcepteblecojn por tezo; 81 licenciatecojn (teologajn, juraĵn, filozofiajn); 306 licenciat-atestojn pri beletristiko kaj sciencoj; 88 unuajn abiturientecojn, el kiuj 73 pri civila juro, 91 duajn, el kiuj 50 pri civila juro; 8 atestojn pri kapableco; 70 diplomojn pri superaj studoj, el kiuj 6 eldevenas de la Sorbono kaj 64 de la Katolika Instituto.

Tiuj ciferoj elokvente montras la grandan aktivecon de tiu scienca centrejo katolika, kiu estas jus dotita de novaj konstruaĵoj, inaŭguritaj de Lia Kardinala Moŝto Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, ĉirkaŭata de multaj aliaj francaj episkopoj kaj eminentuloj.

■ Laŭ informo de Kaying-Ĉu (Ĥinujo), la naciaj trupoj liberigis du misiistojn germanajn, kiujn banditoj estis kaptintaj en 1929.

■ Telegramo el Shangai al Gazetar-Agentejo « Fides » en Romo sciigas, ke Pastroj Patrik Laffan kaj Jakobo Linehan, irdandaj misiistoj de la Societo Sankta-Kolombano, estis lasttempe liberigitaj. Ili estis kaptitaj, la 25 aprilo 1930, de rabistoj, en Sientaachen, provinco de Hipeh. La ambaŭ presbiteroj dejoris en la apostola vikariejo de Hanyang.

# EL MALANTAŬ LA RUĜA LIMO

Blasfema karikaturo de la « Bezbojnik »

Ĝi montras Kriston, sidantan sur la genuoj de kapitalisto, kiu mem sidas sur petrol-fonto. Ĝi intencas signifi ke religio protektas kapitalismon, eternan malamikon de la laboristoj.

### Edukaj metodoj de la Bolŝevistoj

La eldonata en Kijów *Proletarskaja Prawda* (Proletara Vero) publikigas aron da deklaroj flanke de infanoj, kiuj rezignas je siaj gepatroj. La proletaraj infanoj forlasas siajn gepatrojn, ĉar ili ne havas « difinitan klasan konsciencon » kaj estas « malamikaj al la socialismo ». Jen du ekzemploj de tiaj infan-deklaroj :

Iu Modzuchowski, popa filo, deklaras : « Mia patro estas servisto de religia kulto. Mi, lia filo Dymitr Modzuchowski, havanta la novan socialistan ideologion, sentas abomenon al la pereiga ideologio de mia patro. Du jaroj forpasis de post kiam mi forjetis la patron. Nun mi ripetas mian deklaron antaŭ ĉiuj laboristoj kaj forjetas la patron senrevoke. »

Filo de iu rabeno, Wolf Bliamow, faris similan deklaron, sed pli diplomatan : « Mi estas filo de rabeno. Grava malsano donis al mi okazon rompi la rilatojn kun mia patro ne pli frue ol dum la pasinta jaro. Depost la jaro 1927 kontentigas miajn bezonojn mia frato-kuracisto. Dum la pasinta jaro mi forlasis la gepatran domon. Mi publikigas alvokon adresitan al mia patro kaj postulas de li, por ke li konfesu siajn erarojn publike antaŭ ĉiuj laboristoj. Se li ne faros tion, mi rompos ĉiajn miajn rilatojn kun li kaj forjetos lin. »

### Senhejma infanaro

Laŭ sciigo el Ryga, en Moskvo, Leningrad kaj aliaj sovetuniaj urboj aperis denove aregoj da senhejmaj infanoj sur la stratoj, kiuj rabas kaj ŝtelas dumnokte.

En Moskvo oni kaptis sur la stacidomoj mem proksimume 2.000 da senhejmaj infanoj.

### Analfabetismo en Sovetrusujo

Laŭ oficiala statistiko de la soveta organo *Trud* (Peno), en Sovetunio troviĝas 18 1/2 milionoj da analfabetoj kaj proksimume 21 milionoj da duonanalfabetoj. Plej mizera estas la stato en vilaĝoj, kie inter knaboj estas 41 % kaj inter knabinoj 53 % da analfabetoj. Tiujn ĉi ciferojn, skribas la soveta organo, oni devus ankoraŭ pligrandigi. Nur 18 % da geknaboj finas la lernejinstruon ; 30 % ne plu iras en lernejon post unu jaro, 60 % post du jaroj.

### La kontraŭreligia movado laŭ soveta statistiko

Dum la last-jara kongreso de la komunista partio en Rusujo oni parolis pri la stato de la kontraŭreligia movado. Jemeljan Joroslawskij, ano de la partio, en raporto titolita « Ebenigi la kontraŭreligian fronton » diris i. a. : « La progresoj de la tekniko liberigis milionojn da terkulturejoj de ĉia dependeco de la vetero, kiu estis ĝisnune la fonto de religiaj agordiĝoj inter la vilaĝanaro ». Malaperadon de tiuj agordiĝoj montras la raportisto per jenaj ciferoj : « La unuiĝo de batalantaj sendiuloj kalkulis ekzemple, la 1 januaro 1926, 87.000 anojn ; 1 januaro 1927, 138.000 ; 1 februaro 1929, 465.000 ; fine de 1929, 700.000 ; dum januaro 1930, 2.000 000 ; dum marto 1930, 3.000.000 ; kaj dum la nuna tempo ĝi kalkulas 3.500.000 anojn. De la revuo « Sendiulo » oni presis kaj dissendis : dum 1927, 62.000 ekzemplerojn ; dum 1929, 144 000 kaj nuntempe 400.000 ekzemplerojn. Oni eldonis kaj disvastigis da kontraŭreligiaj broŝuroj kaj flugfolioj : dum 1927, 700.000 ; dum januaro ĝis marto 1930, 13.000.000. Oni fondis i. a. kelkajn kontraŭreligiajn muzeojn, kaj la centra muzeo kontraŭreligia en Moskvo estas multe vizitata. »

Laŭ *Wolnomyśliciel Polski* (Pola Liberpensulo), katalogo de ukrajnlingvaj eldonaĵoj de la sendiula unuiĝo enhavas pli ol 300 libroj kaj broŝuroj. La katalogo de ruslingvaj eldonaĵoj kontraŭreligiaj estas multe pli ampleksa.

### Profanado Malfermado de ĉerkoj kun relikvoj

La tutukrajna unuiĝo de sendiuloj sendis al la sovetaj aŭtoritatoj skribon, en kiu ĝi postulas malfermi la ĉerkojn kun sanktaj relikvoj, kiuj troviĝas en Lawra Kiew'a.

Celo de tiu postulo, skribas la gazetaĉo *Bezbojnik* (Sendiulo), estas konvinkigi la loĝantaron de Kiew, kiu ĝisnune honoras la sanktajn restaĵojn, ke ili posedas neniajn miraklajn ecojn. La malfermo de la ĉerkoj estus okazonta dum Kristnasko en granda ortodoksa preĝejo de Lawra Piecarska, en kiu oni aranĝis muzeon kontraŭreligian.

Antoni Troszynski.

## INTERNACIA KONGRESO EN PARIZO

Komence de decembro 1930, okazis en Parizo Internacia Kongreso de la Sinjorinoj de la Karitato de Sankta-Vincento de Paŭlo. Ĉeestis delegitinoj de Anglujo, Argentino, Belgujo, Brazilo, Costa-Rica, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Pollando, kaj Francujo.

Fine de la unua kunsido, post parolado de Pastro Verdier, ĝenerala direktoro de la Verko, estis decidita kunlaborado inter la Sinjorinoj de la Karitato kaj la Konferencoj de Sankta-Paŭlo.

El la interesaj raportoj prezentitaj dum tiu kongreso ni volas elĉerpi kelkajn interesajn informojn, kiuj montras ke nuntempe kiel antaŭe la katolikoj estas ĉiam la unuaj por helpi sian proksimulon en malfacilaj cirkonstancoj, kaj tio en ĉiuj landoj.

Grafino Potocka, delegitino de Pollando, parolis pri la sukcesplenaj intereparhiaj asocioj de Sinjorinoj de la Karitato, kies sidejoj troviĝas en Lwow, Poznan, Warszawa, Krakow kaj Wilna. Kelkaj el ili estis fonditaj antaŭ 75 jaroj. Ili zorgas precipe pri mastruma instruado, hospitaloj, malliberejoj, orfinoj, helpo per laboro kaj kompreneble pri ĉiuj malfeliĉuloj. El la raporto de Grafino de Lozow, kiu parolas aparte pri la asocioj dependantaj de la centrejo de Poznan, notinde estas, ke en tiu regiono ekzistas 156 grupoj kalkulantaj 12.500 Sinjorinojn de la Karitato, el kiuj 2.700 vizitantinoj prizorgas 20.000 malriĉulojn.

Dukino Caffarelli havigis sciigojn pri la kresko de la verko en Italujo ; ĝi estis fondita ĉi tie en 1833. Nuntempe ĝi kalkulas 500 grupojn kun pli ol 8.000 Sinjorinoj vizitantaj. En 1929 ĉi tiuj faris pli ol 245.000 vizitojn.

En Hungarujo, malgraŭ multaj malfacilaĵoj, la Sinjorinoj de la Karitato estas tamen grupitaj en 21 rondoj, kalkulantaj 3.000 membrojn, el kiuj 700 vizitantinoj.

Belgujo havas 120 rondojn kaj Irlando 20. La verko ankaŭ instaliĝas kaj prosperas en Hispanujo, Portugalujo, Usono, Svislando.

En Francujo la verko estas tute prospera ; nur en Parizo estas 64 grupoj, enkalkulantaj pli ol mil Sinjorinojn vizitantajn ; Marseille kalkulas 440 Sinjorinojn vizitantajn.

Eduard Boissolr.

*Kun la permeso de la ekleziaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*) : Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14ᵉ. - Gob. 62-71

KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

Anonc-Oficejo :
22, Cours Albert-Premier
Paris - VIII

Poŝta ĉekkonto :
Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ANONC-TARIFO :

| | | |
|---|---|---|
| Unu tuta paĝo | fr. fk. | 500.— |
| 1/2 paĝo | — | 300.— |
| 1/4 paĝo | — | 200.— |
| 1/8 paĝo | — | 150.— |
| Anoncetoj, la linio | — | 3.— |

La anoncoj estas pagotaj samtempe kun la mendo.

Ni konsentas rabaton 10 % por 12 sinsekvaj kaj samtekstaj anoncoj, kaj 20 % por 24 anoncoj.